*Karaj geamikoj,*

*en la ĉi-somera ILEI-konferenco, en Bratislavo, Slovakio, estis akceptitaj gravaj pozitivaj decidoj pri Juna Amiko. Ili estos detale prezentitaj en nia sekva, decembra numero.*

*Nun mi mencias nur du aferojn, nome: konsiderinde kreskos la paĝo-nombro: de 112 al 156 jare, kaj ĝi havos du redaktorojn: krom la nuna el vicredaktoro – je nia granda ĝojo – refariĝos kunredaktoro Stefan MacGill.*

*En 2005 komenciĝos nova epoko! Varbu novajn abonantojn!*

*Juna Amiko estos vera trezorejo de ekesperantistoj de ajna aĝo-grupo.*

*Geza Kurucz*
*redaktoro*

## ENHAVO



**Pri la lingvaĵo de JUNA AMIKO.** Sen pied-notoj ni uzas la plej oftajn 1500 vort-radikojn, kiujn vi trovas en nia hejm-paĝo: ***www.junaamiko.inf.hu*** . En vort-kunmetoj, se necesas – por rekoni kunmeton – ni uzas divid-strekon, sed kiam la vorto revenas en la sama teksto, ni ne plu uzas ĝin.





INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE

**ILEI**

POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ

SEPTEMBRO 2004 N-ro 3(110)


***Sur la titol-paĝo:*** *Desegnaĵo de 10-jara serba lernanto Miĥailo Isaković: En somero "Mia favorato"*

# INTERKULTURO



## JEN AGAD-KAMPO, KIE VI TROVAS LA CELON

Lingvo estas rimedo, ne celo. Rimedo por interhoma komunikado. Ĝi kunligas kaj unuigas la homojn, kiuj parolas la saman lingvon. Sed ĝi ankaŭ apartigas la homojn, kiuj parolas malsamajn lingvojn. En la mondo ekzistas multaj diversaj lingvoj kun diversaj kulturoj kaj tradicioj, kun diversaj viv- kaj pens-manieroj. Tiu diverseco faras kulturan riĉecon de nia mondo. Sed, bedaŭrinde, ĝi tre ofte estigas ankaŭ kverelojn, konfliktojn, militojn. Kvankam ni ĉiuj estas esence HOMOJ kun samaj aŭ tre similaj bezonoj kaj sentoj, iuj homoj ofte kredas, ke alia popolo estas malpli valora, eĉ abomeninda.

Kion fari por plibonigi rilatojn inter diversaj homoj, hom-grupoj? Kiel fari la mondon pli trankvila kaj pli agrabla loko por la vivo?

Multaj honestaj homoj en la mondo laboras por konvinki homojn pri tio, ke ni estas egale valoraj kaj respektindaj. Ankaŭ ni, esperantistoj. Esperanto estis kreita por disrompi la lingvajn barojn inter la popoloj. Ni uzas ĝin ne nur por kompreni ali-lingvulojn, sed ankaŭ por lerni pri ili – kiel ili vivas, kio por ili gravas, kiel ili komprenas la mondon kaj ĉion, kio okazas ĉe ni kaj ĉirkaŭ ni. **Tion faras, ekzemple, nia INTERKULTURO. Ĝi celas pacon kaj harmonion kaj utiligas Esperanton por interkultura lernado.**

Ne preterpasu ĝin, venu kaj ekaktivu! Se vi uzas Interreton, vizitu:

*www.interkulturo.net*

La redakcio de Juna Amiko, kiu estas arda apoganto de INTERKULTURO, komencas diskuton pri la temo:

**Laŭ via opinio, kio estas la plej urĝe solvebla(j) tasko(j) de la homaro, se ĝi volas elformi vivindan mondon.**

Nin tre interesas viaj pensoj. Kolektu faktojn kaj argumentojn, kiuj apogas viajn konstatojn. Ni estas certaj, ke viaj pensoj, tiuj de individuoj aŭ grupoj, tiuj de infanoj, junuloj aŭ plen-aĝuloj estos egale intersaj kaj ili pliproksimigos nin. La plej sinceraj kaj trafaj verketoj estos premiitaj kaj publikigitan en Juna Amiko kaj en la ret-paĝaro de INTERKULTURO.

Sendu vian opinion al INTERKULTURO (*kerno@interkulturo.net*) kaj samtempe al nia redakcio papere (*Juna Amiko, Hitel u.10.fszt.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario*) aŭ rete (*suli267@szeged.sulinet.hu*).

***Venu, ni ekagu por alproksimigi harmonian vivon!***

## BETULETO, IK-grupo el Ĉeboksari, Ĉuvaŝa Respubliko en Rusio

***La grupo BETULETO (gvidantino: 35-jara instruistino Elena Nadikova) estis inter la unuaj, kiuj aliĝis al la projekto Interkulturo. Ĝi havas 14 membrojn. Ili interesiĝas pri landoj, kutimoj, kulturo kaj lernado. Ili aĝas 11 ĝis 13 jarojn kaj loĝas en Ĉeboksari. Jen kiel ili priskribas sian urbon.***

## Ĉeboksari, la ĉef-urbo de Ĉuvaŝa Respubliko

Ĝi situas en la centro de Rusio, 600 kilometrojn oriente de Moskvo, sur alta bordo de riverego *Volgo*. Ĉirkaŭ la urbo troviĝas arbaroj, kampoj kaj montetoj. Kaj sur la transa bordo de Volgo etendiĝas vera tajgo: belegaj pin-arbaroj, multaj belaj lagoj kun cignoj.



*La ĉef-katedralo Vedenskij sobor*

Nia urbo, kiel la plejmulto de la rusaj urboj, estas internacia laŭ la loĝantaro. En ĝi loĝas preskaŭ 500 mil homoj. La plej granda parto de la loĝantaro estas rusoj kaj ĉuvaŝoj, sed vivas tie ankaŭ ukrainoj, belorusoj kaj reprezentantoj de la najbaraj respublikoj – tataroj, mareoj, mordovoj, udmurtoj. En nia urbo oni parolas du ĉefajn lingvojn – la rusan kaj ĉuvaŝan. La aliaj nacioj komunikiĝas inter si per siaj gepatraj lingvoj. Kvankam en nia urbo loĝas reprezentantoj de multaj diversaj nacioj, ni vivas en plena akordo. Ĉe ni neniam estas kvereloj pro naciaj diferencoj, kaj ni esperas, ke ili neniam estos, ĉar ni tre ŝatas nian naskiĝurbon kaj fieras pri ĝi. Kaj ni havas kialon por fieri. En la jaro 2002 nia urbo ricevis la titolon "Plej pura kaj komforta urbo de Rusio." Kaj en 2003 Ĉeboksari fariĝis la kultura ĉefurbo de la Volgo-regiono. En la urbo okazis tre multaj interesaj aranĝoj: festivaloj, koncertoj, konkursoj, ktp.

*Iru al la paĝo 11.*

*akordo:* sameco de sentoj kaj opinioj / *betulo:* fal-folia arbo kun blanka trunko / *cigno:* granda blanka akvo-birdo kun longa S-forma kolo / *pino:* ĉiam-verda arbo-speco / *projekto:* plano proponata / *respubliko:* ŝtato-formo kun demokratisma registaro / *tajgo:* regionego kun ĉiamverdaj arbaroj.

# LA UNUA ETAĜO

*Redaktas: Monika MOLNÁR*

## Lernojar-KOMENC-litero

Komenciĝas la aŭtuno, komenciĝas la lerno-jaro...
Ankaŭ mi invitas vin ludi iom per la komencaj literoj de kelkaj vortoj. Multajn sukcesojn!

Kio estas tamen bona, aŭ eble la plej bona en la komenco de la lernojaro? Vi ekscios, se vi metos la komencajn literojn de la bildetoj en la kadrojn:




Bonan komencon! ☺
Ne forgesu la proverbon:

**Komenco bona – laboro duona.**

*kadro:* tio, kion vi vidas sub la bildetoj; kvar-angulaĵoj / *proverbo:* saĝa diraĵo de popolo.

# LA DUA ETAĜO

## Venu En Nian Duan Etaĝon

*Gajni ĉe Hajni!* **Gajni ĉe Hajni!** *Gajni ĉe Hajni!*

❶ *Jen kvar-litera vorto: KATO. Kreu serion da novaj vortoj ĉiam per ŝanĝo de nur unu litero, por fine atingi la vorton: ROKA. Kiu povas veni al ĝi per la plej malgranda nombro da vortoj en la listo?*

KATO
_ _ _ _
_ _ _ _
_ _ _ _
_ _ _ _
_ _ _ _
ROKA

❷ *Vort-aranĝu la literojn:*

ROTKAO
BEMALAL
VOKA
OOTK
JOSVOL

❸ *Trovu la komunajn du literojn, kiuj mankas ĉe ĉiu vorto.*

_ _ KO
_ _ LA
_ _ NO
_ _ NTRI
_ _ VAS

❹ *Kompletigu la serion:*

5 6 8 12 __ __

❺ *Jozefo iris al butiko. Li aĉetis du ĉokoladojn kaj unu bombonon. Li pagis al la kasistino 400 forintojn (HUF). Kion li aĉetis?*

Eta ĉokolado: 50 HUF
Mez-granda ĉokolado: 95 HUF
Granda ĉokolado: 165 HUF

Eta bombono: 210 HUF
Granda bombono: 320 HUF

*bombono:* ĉi tie: skatolo da bombonoj = buton-formaj farĉitaj ĉokoladoj / *butiko:* vendejeto.

Gajnintoj de la antaŭa n-ro: *Veronika Dobrán* (Hungario), *Andrei Pop* (Rumanio)

Mi esperas ke ankaŭ vi sendos solvojn kaj gajnos premion. Mia adreso: *Hajni MacGill, Lajos utca 47/a, HU-1036 Budapest, Hungario.* Rete *<forgesas@freemail.hu>*, kaj skribu vian adreson. *(Solvoj de n-ro 2/04 sur p. 27)*

*Karina MacGill*

# Ĉio interesa pri Gibonoj

Gibonoj estas bel-aspektaj simioj. Ili havas tre longajn brakojn kaj krurojn, kiuj helpas ilin tre lerte saltadi inter arboj kaj atingi fruktojn.

Bebo-gibonoj suĉas lakton dum almenaŭ du jaroj. Dum tiu tempo ili pendas sur siaj patrinoj.

Ilia malamiko estas leopardo, sed ĝi povas kapti ilin nur se ili falas sur-teren.

Gibonoj dormas sur branĉoj, apogante sin al la trunko de arbo. Ili manĝas fruktojn, foliojn kaj burĝonojn.

Ili loĝas en grupoj en arboj de aziaj praarbaroj.

# KLAUDIA

Aŭtorino: Sonmy (Kubo)

















Tradukis: *José de J. Campos Pacheco* (Kubo)




La infanoj havas rajton ricevi informojn, esti aŭskultataj kaj respektataj.



*aŭtoro:* tiu, kiu kreis art-verkon / *prezidento:* ŝtatestro / *respekti:* elmontri al iu estimon kaj fidon.

# Venu, amiko...

**Versoj de Eva Farkas-Tatár**

El la "TURISTA KANTARO 2" de T.Keresztheyi, M. Juhász, J. Zsidi



Ve - nu, a - mi - ko, jen ni - a hor'!
Te - ro, ĉi - e - lo es - tos ru - in',



ser - vu la ve - ron, gar - du la pa - con!
Sed ver - da ste - lo, sed ver - da ste - lo,



hel - pu la fra - ton kun ga - ja kor'!
Sed ver - da ste - lo bri - los sen fin'.



# Malmodesta leporo

Fabelo kolektive kreita de infan-grupo *Amiketoj de Kolibrido*

Iam estis leporo, kiu kredis, ke ĝi estas la plej bela el ĉiuj estaĵoj. Iun tagon ĝi iris al flako kaj, rigardinte sin en la akvo-spegulo diris:

– Kiajn belajn orelojn mi havas, neniu povas superi min.

En tiu momento preterpasis urso kaj diris:

– Ha, kiel malbela estas tiu leporo!

– Kiel? – respondis la leporo kun granda miro.



Minutojn poste preterpasis bestkaptisto kaj portis la leporon al cirko, kie estis multaj bestoj: katoj, hundoj, goriloj, manatoj kaj aliaj. La cirkestro venis al la kaĝo de la bestoj kaj diris:

– Mi volas, ke vi dresu ĉiujn bestojn escepte tiun malbelan leporon, kiu restu ĉi tie.

La leporo ege ofendiĝis kaj tiel lernis la lecionon: *Neniu devas esti malmodesta.*

*José de J. Campos Pacheco,* Kubo

*dresi:* instrui beston pri io / *gorilo:* hom-simila mam-besto / *manato:* amerika herbo-manĝa mambesto.

# PROMENO *kun opinioj*

***Paĉjo (P) kun kvar-jara Sonja (S) promenas en arbaro. Sonja senfine demandas kaj opinias.***

**S:** Kio estas tiuj truoj apud la vojo?
**P:** Homoj fosis ilin, por ke akvo ne restu sur la vojo, sed forfluu en la truojn.
**S:** Ne! Laŭ mia opinio, talpo fosis ilin.
**P:** Bone do, talpo fosis ilin.

◆

**S:** Vidu, jen formiko! Ho, ĝi forflugis. Kial ĝi forflugis?
**P:** Ĉar vi timigis ĝin. Por mi, vi estas malgranda. Sed por ĝi, vi estas grandega!
**S:** Ne! Laŭ mia opinio, ĝia panjo vokis, ke la tag-manĝo estas preta.
**P:** Bone do, ĝi foriris por tagmanĝi

◆

**S:** Paĉjo, ne sidu kaj skribu. Aŭskultu! Kio estas tiu ŝtona rondaĵo?
**P:** Ĉu tio? Tio estas loko por fari fajron, interne de la ŝtonoj. Tiel, fajro ne povos bruligi la arbaron.
**S:** Ne! Laŭ mia opinio, tio estis iam puto. Homoj prenis akvon el ĝi. Poste malbonaj homoj plenigis ĝin kaj aldonis brullignon supre.
**P:** Bone do, tio estis puto.

◆

**S:** Jen skarabo. Granda, blua – kaj ĝi vivas. Vidu, ĝi moviĝas!
**P:** Jes, ĝi estas eleganta. Ne tuŝu ĝin!
**S:** Iam mi vidis la saman skarabon en mia infan-ĝardeno.
**P:** Tiaj skaraboj vivas ĉie, estas multaj en ĉi tiu arbaro.
**S:** Ne! Laŭ mia opinio, ĝi certe flugis de mia infanĝardeno ĉi tien!
**P:** Ĉu vere? Ĉu ĝi vere povis trovi la vojon?
**S:** Certe! Ĝi volis saluti min denove!
**P:** Bone do, skarabo kun mirakla navigokapablo.

◆

**S:** Paĉjo, vidu, jen aviadilo super la arbaro.
**P:** Jes, aviadilo. Sed speciala tipo. Ĝi ne havas motoron. Estas glis-aviadilo.
**S:** Jes, mi scias pri glisaviadiloj.



**P:** Vidu kiom silente kaj bele ĝi iras! Tute sen motoro.
**S:** Ne! Laŭ mia opinio ĝi ne iras per si mem. Alia aviadilo kun motoro tiras ĝin per ŝnuro. Nur ni ne vidas ĝin, ĉar ĝi kaŝas sin malantaŭ la nuboj.
**P:** Bone do, estas nevidebla kaj neaŭdebla motor-aviadilo, kiu tiras ĝin.

◆

**P:** Sonja, Sonja, venu rapide, mi vidas cervon. Rigardu tien!
**S:** Kien? Mi vidas nenion.
**P:** Ho, mi timigis ĝin, kaj ĝi forkuris – forfuĝis – malantaŭ la arbojn.
**S:** Levu min, por ke mi vidu ĝin.
**P:** Ĉu vi vidas ĝin? Tie inter la arbetoj.
**S:** Iomete… nur iom – kiam ĝi moviĝas.
**P:** Bedaŭrinde, ĝi kaŝas sin tre lerte. Tial vi ne vidas ĝin tre bone.
**S:** Ne! Laŭ mia opinio, vi ne sufiĉe alte levis min.
**P:** Hmmm.

◆

**S:** Paĉjo. Kion vi skribas?
**P:** Mi skribas, kion vi diras. Tio estos bona skeĉo por *Juna Amiko*.
**S:** Ne! Laŭ mia opinio, vi skribas por mi vesperan rakonton.
**P:** Bone do, tio estu vespera rakonto.
**S:** Kaj ne por *Juna Amiko*.
**P:** Ni vidos…

## VERA / MALVERA?

*1. Sonja vidis talpon.*
*2. Sonja vidis aviadilon, kiu tiris la glis-aviadilon.*
*3. Sonja kredis, ke la skaraboj en la infan-ĝardeno kaj la arbaro estas la samaj.*
*4. Paĉjo kredis, ke la skaraboj en la infanĝardeno kaj la arbaro estas la samaj.*
*5. Sonja estis tiu, kiu unua ekvidis glisaviadilon.*
*6. Sonja estis tiu, kiu unua ekvidis la cervon.*
*7. Sonja fortimigis la cervon.*
*8. Sonja levis Paĉjon, por ke li bone vidu la cervon.*
*9. La skribaĵo de Paĉjo ja fariĝis skeĉo en Juna Amiko.*

## KVIZO KUN KAŜ-ESPRIMO

Kiu el la kvar dekstraj vortoj konvenas al la truo en la maldekstra frazo?

| Frazo kun truo | A: | B: | C: | Ĉ: |
|---|---|---|---|---|
| La tria vidaĵo de Sonja estis ______. | cervo | fajrejo | formiko | truo |
| Homoj fosis truojn, por ke ______ ne restu sur la vojo. | akvo | cervoj | formikoj | turistoj |
| Sonja estis levita por vidi la ______. | aviadilon | cervon | formikojn | skarabojn |
| Sonja vidis aviadilon ______ la arboj. | apud | en | inter | sub |
| ____ mia opinio, tio estas puto. | En | Kun | Laŭ | Pro |
| Tiuj skaraboj vivas ĉie, estas multaj en ĉi tiu ______. | vojo | puto | ĝardeno | arbaro |
| Vi skribis por mi ______ rakonton. | matenan | tagmezan | vesperan | noktan |
| Jes. la skarabo estas ____. Ne tuŝu ĝin! | bela | ĉarma | eleganta | venena |
| Aviadilo tiras la glisaviadilon. Oni ne vidas ĝin, ĉar ĝi kaŝas sin malantaŭ la ____. | arboj | ĉielo | domoj | nuboj |
| Homoj ne fosis la truojn; ____ fosis ilin. | buldozoj | cervoj | formikoj | talpoj |
| Laŭ mia _____, panjo vokis la formikon. | opinio | kredo | imago | decido |

Skribu la komencan literon de ĉiu ĝusta respondo en la subaj kvadratoj:

☐☐☐☐☐☐ ☐☐☐☐☐

Jen io, kio utilas por glisaviadiloj kaj esperantistoj! Kial ĝi utilas por esperantistoj?

## KAPABLOJ

El la subaj aĵoj, kiuj povas 1) *forflui* 2) *forflugi* 3) *forfuĝi* 4) *forbruli* 5) *forgesi*?
*akvo, arbaro, aviadilo, cervo, formiko, ligno, puto, sablo, skarabo, tempo*
Nomu du aferojn, kiuj 1) *moviĝis* 2) *kaŝis sin* 3) *timiĝis* 4) *flugis*.

## LUDO

Sidu en rondo. Ĉiu laŭ-vice diru frazon, kiu komenciĝas per "Laŭ mia opinio…" Donu motivojn por via opinio. Aliaj diru siajn opiniojn. Fine, la grupo voĉ-donu: ĉu ili kredas vin aŭ ne.

*Stefan MacGill*, Hungario

*eleganta:* bel-forma kaj laŭ-moda / *fuĝi:* forkuri por sin savi / *glisi:* flugi sen motoro / *navigi:* difini veturdirekton / *skarabo:* 6-pieda besteto kun kornetoj / *skeĉo:* teatraĵeto / *talpo:* blinda subtera mam-besteto.

# INTERESAĴO Ĉiam, ĉie atingebla

Fulm-rapida disvastiĝo de poŝtelefonoj komenciĝis en 1991-92, kiam 17 eŭropaj landoj decidis estigi komunan sendratan telefon-reton. Dank' al tio la unuan fojon ebliĝis telefonado trans land-limojn helpe de specialaj moveblaj aparatoj, kiuj aperis en 1992.

Dum dek jaroj la poŝtelefonoj fariĝis ĝeneralaj. Hodiaŭ pli ol miliardo da homoj posedas kaj uzas ĝin. La plej modernaj aparatoj fariĝis absolute malgrandaj kaj krom telefonado ili taŭgas por sendi telemesaĝetojn kaj fotojn, aliri interreton, kapti televidajn programojn kaj por pluraj aliaj funkcioj. Ni vidas ilian uzon ĉiu-paŝe: sur la strato, en kafejoj, subtera trajno, ktp.

Hodiaŭ jam preskaŭ neniu estas izolita. Distancoj ne plu ekzistas, nur la lingvoj baras la liberan komunikadon. Venis la tempo de Esperanto.

*Zoltan Kurucz, Hungario*







# POKALO KOSTRENA 2004

Kroata Esperanto-Ligo kaj Esperanto-Societo Rijeka fine de majo jam la trian fojon organizis lingvo-konkurson en Esperanto por baz-lernejanoj. Rezultoj:

**En kategorio «A» (komencantoj)**

1. *Drago Ilišinović, Retkovec*
2. *Ana Valjak,Zagrebo*
3. Ne aljuĝita.

**En kategorio «B» (progresintoj)**

1. *Tea Šimičić, Zagrebo*
2. *Maja Glodić, Zagrebo*
3. *Valentina Marinović, Zagrebo*

***Pokalon Kostrena 2004 gajnis bazlernejo «Mladost», Zagrebo. Gratulon!***

La organizanto *Emil Hrvatin por 2005 bon-venigas grupojn ankaŭel eksterlando.*

# Kiel nigraj prapatroj kalkulis sian aĝon?

Antaŭ la koloniado fare de eŭropanoj en Afriko oni kalkulis sian aĝon divers-maniere laŭ nigraj triboj, popoloj. Fakte mi parolas pri la burundia socio, en kiu mi naskiĝis kaj grandiĝis.

Pluraj maljunuloj, kun kiuj mi parolis pri tiu temo, diris al mi, ke viro kalkulis sian aĝon ne ekde sia naskiĝo, sed de tiam, kiam li edziĝis.



La unua sistemo, kiun ili aplikis, estis laŭ ŝnureto. Sciu, ke antaŭ-longe en la burundia socio ekzistis unu granda nacia festo, kiu estis festata ĉe la kortego de la reĝo ĉiu-jare. Tiu festo estis nomata ankaŭ "la festo de la semoj". Oni rakontis, ke okaze de tiu festo la reĝo benis la semojn kaj la semado komenciĝis tuj post la festo de la semoj. Kiam viro edziĝis, dum la unua festo de la semoj post la edziĝo, li devis nodi la ŝnureton. Post la dua festo de la semoj, li devis fari same, kaj tiu dua nodo signis la duan jaron post lia edziĝo.

Li devis daŭrigi tiun agon ĝis sia morto. Per tiu sistemo oni povis scii, kiom da jaroj la edzo vivis post sia edziĝo kalkulante la nodojn, kiuj troviĝis sur la ŝnureto.

Laŭ la dua sistemo, kiam viro edziĝis, li metis cent semojn en poteton, kiun li lokis sub sia lito. Same kiel laŭ la unua sistemo, dum ĉiu festo de la semoj li devis gluti unu sorgan semon el tiuj semoj, kiujn li konservis en la poteto. Li devis daŭrigi tiun agon ĝis sia morto. Laŭ tiu sistemo, oni povis scii, kiom da jaroj la viro vivis post sia edziĝo, kalkulante la sorgajn semojn, kiujn li glutis.

*Michel NKWIRIKIYE, Tanzanio*

*apliki:* uzi en praktiko / *beni:* voki dian favoron / *Burundio:* malgranda lando en Centra Afriko / *gluti:* enstomakigi / *kolonio:* lando, okupita kaj prirabita de fremda ŝtato / *nodo:* ligaĵo sur ŝnuro / *sorgo:* speco de gren-herbo (la semoj estas glob-formaj) / *tribo:* sam-devena ne tre granda hom-grupo.

# La deksesuma nombro-sistemo (Hex)



Por ni, homoj, estas tute ne facile legi eĉ simplan vicon da unuoj kaj nuloj, kiel ekzemple, **$10111110_2$**. Kiel oni povas do, orientiĝi, kiam oni devas tralegi la duuman enhavon de komputila memoro? La deksesuma nombrosistemo (kies kutima mallongigo estas **Hex**) ege utilas al ni en tiu tute netriviala tasko.



## Deksesuma nombrosistemo – por **homa kompreno**

- Ĝia **bazo** estas **16**, do ĝi bezonas dekses signojn por prezenti nombrojn. Por la unuaj dek Hex-signoj oni uzas la kutimajn dekumajn ciferojn (0, 1, ..., 9) kaj por la aliaj ses oni uzas la literojn **A**, **B**, **C**, **D**, **E** kaj **F**.
- La valoro de ĉiu signo en nombro dependas de ĝia pozicio, de dekstre: *unuoj* (**$16^0$**), *deksesoj* (**$16^1$**), *256-oj* (**$16^2$**), *4096-oj* (**$16^3$**), k.t.p.
- Ekz. $2E_{16}$ (aŭ $2E_{Hex}$) = $2 \times 16^1 + E(\text{t.e.}14) \times 16^0 = 32+14=46_{10}$

| Dekuma | Duuma | Hex | Dekuma | Duuma | Hex | Dekuma | Duuma | Hex |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 0 | 0000 | 0 | 16 | 1 0000 | 10 | 32 | 10 0000 | 20 |
| 1 | 0001 | 1 | 17 | 1 0001 | 11 | 33 | 10 0001 | 21 |
| 2 | 0010 | 2 | 18 | 1 0010 | 12 | 34 | 10 0010 | 22 |
| 3 | 0011 | 3 | 19 | 1 0011 | 13 | 35 | 10 0011 | 23 |
| 4 | 0100 | 4 | 20 | 1 0100 | 14 | 36 | 10 0100 | 24 |
| 5 | 0101 | 5 | 21 | 1 0101 | 15 | 37 | 10 0101 | 25 |
| 6 | 0110 | 6 | 22 | 1 0110 | 16 | 38 | 10 0110 | 26 |
| 7 | 0111 | 7 | 23 | 1 0111 | 17 | 39 | 10 0111 | 27 |
| 8 | 1000 | 8 | 24 | 1 1000 | 18 | 40 | 10 1000 | 28 |
| 9 | 1001 | 9 | 25 | 1 1001 | 19 | 41 | 10 1001 | 29 |
| 10 | 1010 | A | 26 | 1 1010 | 1A | 42 | 10 1010 | 2A |
| 11 | 1011 | B | 27 | 1 1011 | 1B | 43 | 10 1011 | 2B |
| 12 | 1100 | C | 28 | 1 1100 | 1C | 44 | 10 1100 | 2C |
| 13 | 1101 | D | 29 | 1 1101 | 1D | 45 | 10 1101 | 2D |
| 14 | 1110 | E | 30 | 1 1110 | 1E | 46 | 10 1110 | 2E |
| 15 | 1111 | F | 31 | 1 1111 | 1F | 47 | 10 1111 | 2F |

Vi povas lerni pli detale pri komputiloj kaj pri verkado de komputilaj programoj en la program-lingvo Java, senpage, per Interreta kurso en: **www.esperanto.org.il/komputiko-kurso**

# Utilo de la deksesuma sistemo (Hex)

- Rigardante la antaŭan tabelon, vi povas konstati, ke unu Hex-signo tre koncize reprezentas kvaropon da bitoj; per du Hex-signoj oni povas do reprezenti bajton (okbitan!).
- La komputila memoro konsistas el amaso da bajtoj. Kiam komputila programo difektiĝas, lertaj programistoj estas devigitaj **analizi la enhavon de specifa memor-kampo**: neebla tasko, se oni devus analizi senfinajn vicojn da duumaj "0" kaj "1"!



Supozu, ke oni devas **analizi** memor-kampon kiu enhavas la suban vicon da 18 bajtoj. Kompreneble, ĉiu bajto aperas kiel oko da bitoj, ĉiu bito kun sia duuma valoro. La 18 bajtoj, kiuj en la komputila memoro estas sinsekvaj, aperas ĉi sube ordigitaj tabel-forme:

| bajto 1 | bajto 2 | bajto 3 | ... | ... | ... |
|---|---|---|---|---|---|
| 01111111 | 01000101 | 10011100 | 01100110 | 11111111 | 00000000 |
| 00010010 | 11011110 | 00011111 | 01110101 | 10101001 | 00110100 |
| 11110000 | 10001011 | 01001110 | 01010101 | 11001100 | 10111001 |

Kaj jen, per uzado de la sistemo **Hex,** kiel oni reprezentas kaj presas la enhavon de la sama memor-kampo:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 7F | 45 | 9C | 66 | FF | 00 |
| 12 | DE | 1F | 75 | A9 | 34 |
| F0 | 8B | 4E | 55 | CC | B9 |

- Konsideru, ekz-e, la trian bajton (markitan): ĝia duuma valoro estas $10011100_2$ dum ĝia deksesuma valoro estas $9C_{Hex}$. Oni ja prenas duonbajtojn unuope, t.e $1001_2$ kaj $1100_2$. Laŭ la apuda tabelo, $1001_2 = 9_{Hex}$ kaj $1100_2 = C_{Hex}$ do la fina rezulto estas $9C_{Hex}$.
- ***Bone! Per uzado de la sistemo Hex, ni ekvidos en la venonta numero de nia rubriko kiel oni povas reprezenti ene de komputiloj numerojn, tekstojn, bildojn, sonojn kaj filmojn.***

***analizi**:* detale esplori / ***bajto**:* grupo de ok bitoj / ***bazo**:* esenca deirpunkto / ***bito**:* duuma cifero (1 aŭ 0) / ***dekuma**:* bazita sur la nombro 10 kaj uzanta dek signojn (0, 1, ..., 9) / ***duuma** (binara):* bazita sur la nombro 2 kaj uzanta nur du signojn: ĝenerale 0 (nul) kaj 1 (unu) / ***Hex**:* mallongigo de la angla vorto "Hexadecimal", t.e. "bazita sur la nombro 16" / ***komputika**:* rilata al scienco pri komputado / ***komputilo**:* aparato kiu, aŭtomate prilaboras datenojn laŭ instrukcioj / ***koncize**:* en maniero reprezentanta la aferon per plej malmultaj signoj / ***orientiĝi**:* klare ekkompreni la situacion, en kiu oni troviĝas kaj difini, kion oni devas fari / ***pozicio**:* loko, okupita en aranĝo / ***triviala** :* ofte kaj facile plenumita de ĉiu kaj sekve seninteresa pro senoriginaleco.

*Dum la someraj ferioj mi vojaĝas kun la gepatroj al la Nigra Maro, kie ĉiu-jare mi devas pasigi 18 tagojn por kuraci min pri alergia astmo. Tiu kuracado estas bon-efika, dank' al kiu mia san-stato pli kaj pli boniĝas.*

*Ĉi-foje ni ricevis kurac-eblecon en la mar-borda urbeto Tekirgiolo, kie jam en la unua tago mi amikiĝis kun tre afabla 15-jara knabo Andrei Pop el urbo Bistrita Nasaud. Dum nia babilado, mi menciis al li, inter-alie, Esperanton, per kiu oni povas krei mirindan amikecon tra la mondo. Ŝajne mi sukcesis veki grandan intereson, ĉar li petis min tuj instrui al li almenaŭ la alfabeton kaj kelkajn utilajn frazojn. Jen, tiel okazis, ke mi ekinstruis Esperanton al Andrei jam en la unua tago. Li estis ege ĝoja kaj komencis lerni kun granda plezuro.*

*Ankoraŭ en la sama tago, okazis al li agrabla surprizo. Kiam mi renkontis lin denove ĉe la manĝejo, kun granda entuziasmo li rakontis al ni, ke iu afabla 72-jara maljunulo demandis lin, ĉu li aŭdis iam pri Esperanto? Tio estis ege agrabla surprizo por ni ĉiuj.*

# Por ESPERANTO *dum ferioj*



*Poste, Andrei prezentis nin al la afabla maljunulo, s-ro Ivan Grigore el urbo Piatra-Neamt. Ni sciiĝis, ke li eklernis Esperanton dum sia jun-aĝo, en 1956, dank' al la revueto Rebus, en kiu kaptis lian intereson la titolo LERNU ESPERANTON EN 10 LECIONOJ. Tiel li eklernis, do, nian lingvon, post ĉiu leciono li senpacience atendis la sekvontan numeron. Sed, bedaŭrinde, li trovis nur ses lecionojn el la promesitaj dek. Kaj poste li neniam plu aŭdis pri Esperanto kaj sukcesis trovi nenian lerno-materialon, malgraŭ ke li multe interesiĝis dum longaj jaroj, sed senrezulte. La rakonto de s-ro Ivan, liaj grandaj entuziasmo kaj ĝojego pro tio, ke li renkontis nin kaj retrovis Esperanton pere de ni post tiom da jaroj, estis al ni ege kor-tuŝa.*

*Vidante la entuziasmon de s-ro Ivan Grigore ni (la patrino kaj mi) multe rakontis al li kaj ankaŭ al Andrei. Ni decidis kunveni ĉiutage en nia ĉambro. Ni fervore instruadis Esperanton al ili ambaŭ, dum la tuta tempo de nia restado ĉe la maro.*

*Antaŭ ol vojaĝi hejmen, ni promesis plu helpi ilin en la lernado pere de korespondado. De tiam papere kaj rete ni helpadas ilin kaj*




*esperas ankaŭ novan renkontiĝon ĉe la maro kaj, eble, ni eĉ havos la plezuron de ilia baldaŭa vizito ĉe ni, en Oradea.*

*Alberto Nagy*, Rumanio

*alergio:* malsaneca reago de la korpo kontraŭ certaj eksteraj efikoj / *alfabeto:* aboco / *astmo:* malsano – malfacila spirado / *entuziasmo:* arda emo al io / *fervoro:* arda diligenteco / *frazo:* aro da vortoj kun jenaj skribo-signoj post la lasta vorto: . ! ? / *surprizo:* ne atendita okazaĵo.

# Kontrolu vian lingvo-scion!

Mi ŝtelis la ideon el ***ESPERANTO aktuell*** (bel-aspekta revuo de GEA: Germana Esperanto-Asocio), n-ro 2/04 (p. 21).

Certe multaj el vi bone konas la legolibron de skeĉoj kaj ekzercoj de Stefan MacGill: **Pordoj**. Mi elektis la vortojn el ĝi.

***Ĉu vi scias la signifon de la sekvaj vortoj? Elektu el po tri difinoj:***

1. **averaĝa** *a) tro ŝparema; b) ĝenerala, mez-nombra; c) kadukega*

2. **ekskurso** *a) vojaĝo, pied-marŝo por plezuro; b) iama lecionaro; c) komenco de rikolto per arbo-skuado*

3. **kajto** *a) ponteto super rivereto; b) flug-ludilo kun vosto kaj tenata per ŝnuro; c) prabestego*

4. **kompati** *a) konservi fruktojn; b) inter-mezuri kapablojn; c) senti kortuŝon pro ies malfeliĉo*

5. **oferto** *a) propono pri varo, servo; b) donaco por diaĵo; c) elvoko de ies kolero*

6. **perfekte** *a) senerare; b) antaŭ ĉio; c) precipe*

7. **plendi** *a) elpaŝi por iu; b) esprimi ne-kontenton; c) kunigi fadenojn interkrucigante ilin*

8. **rajti** *a) veturi sur ĉevalo; b) sin movi sur-ventre; c) havi povon laŭ leĝo aŭ moro*

9. **skeĉo** *a) ordinare komika teatraĵeto; b) antaŭprojekto; c) pika ŝerco*

10. **stulta** *a) malafabla; b) mankohava; c) malsaĝa*

*Geza Kurucz*

Solvoj sur paĝo 27

# Ĉu la okuloj trompas?

*Laŭ la libro de Paul Bennemann:*

***MIRU, PENSU, RIDU!***

*(1950)*




Ĉu vi konas la diraĵon: *"Kredu ne al orelo, kredu al okulo"*. Malgraŭ tio eĉ la okuloj povas nin trompi. Vidu la suprajn ekzemplojn kiel pruvon.

1. La vertikala kaj la horizontala rektoj ŝajnas ne egale longaj.
2. La kvadrato en cirkloj aspektas kiel kvar-angulo kun enpremitaj lateroj.
3. La internaj paralelaj rektoj en la paralelogramoj ŝajnas al ni konkavaj (maldekstre) kaj konveksaj (dekstre), ĉu ne?
4. Duonigita rekto (malsupre) impresas kvazaŭ ĝi estus malpli longa ol la alia super ĝi.
5. La maldekstra duono de la rekto ŝajnas malpli longa ol la dekstra.
6. Ŝajnas nekredeble, ke la tri partoj de la oblikva linio estas partoj de la sama rekto.

*Se vi ne kredas, mezuru per cirkelo, liniilo!*

*horizontala:* — / *kvadrato:* □ / *konkava:* linio proksimiĝanta kaj post certa punkto malproksimiĝanta / *konveksa:* malkonkava / *latero:* rekta lim-linio de geometria figuro kiel kvadrato, ekzemple / *paralela:* du egal-distancaj linioj / *paralelogramo:* kvarangulo kun po du paralelaj lateroj /*vertikala:* | .

# ILUSTRITA FRAZEOLOGIO

La supra libro de *Sabine Fiedler* kaj *Pavel Rak* enhavas multajn tre utilajn parol-turnojn. Mendebla ĉe eldonejo KAVA-PECH, Anglická 878, CZ-25229 Dobřichovice (Prago), Ĉeĥio (rete: *info@kava-pech.cz* , TTT-ejo: *www. kava-pech.cz*).

***Ĉi-foje ni prezentas al vi frazeologiaĵon:***

## *Kapti iun ĉe freŝa faro / kulpo*



Klarigo:

**Surprizi/malkovri iun dum li / ŝi faras ion malpermesitan aŭ senmoralan.**

Ekzemploj:

*Se la popolo kaptus vin ĉe freŝa faro, ĝi plej volonte linĉus vin surloke, ĉar la popolo estas senkompata.*

*La edzino kaptis ĉe freŝa kulpo sian edzon kun iu abiturientino.*

## Ĉuvaŝa legendo pri la ekesto de suno, luno kaj steloj

Laŭ la legendo, Tura (la ĉef-dio de Ĉuvaŝoj) faris tri sunojn. Tiam sur Tero estis eterna somero, la kampoj donis abundan rikolton. La homoj vivis feliĉe kaj ne konis maljustecon. Tamen Ŝujtan (la diablo) eksemis inter ili konfliktojn, kverelojn kaj devigis ilin per trompo ekstermi du sunojn. La splitoj de unu el la sunoj transformiĝis en stelojn. Alia estis disbatita duone, sed Tura kungluis la du partojn kaj ĝi iĝis Luno. Memorigante la homojn pri ilia granda peko, Luno ĉiumonate malaperas, sed poste denove formiĝas.



Desegnis: Olesja Romanova, 13-jara

Antaŭe la tri sunoj – matena, taga kaj vespera – lumis tuttage, ripozante laŭvice. Kaj kiam sur la ĉielo restis du sunoj, ili jam ne povis fari tuttagan laboron. Dum la tago Suno laciĝas kaj foriras ripozi. Anstataŭ ĝi venas Luno, sed ĝi lumas nesufiĉe por venki la fortojn de mallumo, sendatajn de Ŝujtan.

# KVIZO LUDO POR VIA PLEZURO

***Por eviti ĉiu-tagan grizon, solvu nian interesan kvizon!***

## Pinto post la 2a turniro

***Kategorio B***

1. Rafaela Pušić, HR 46,5 p.
2. Laura Biondić, HR 45,5 p.
3. Nives Gal, HR 39,5 p.

***Grupo***

Ursourbo, HR 46,5 p.

***Kategorio M***

1. Krystyna Hawlena, PL 56 p.
2. Alberto Nagy, RO 55 p.

***Grupo***

Suduva, LT 60 p.

***Kategorio S***

1. Lenče Efremova, MK 58 p.
2. Ekaterina Popoviciu, RO kaj Maria Molnár, HU kun po 55 p.
3. C. Mendonça Rodrigo, BR 24,5 p.

*La regularon de la kvizo-ludo vi trovas en la marta n-ro (p. 22) aŭ en nia hejm-paĝo: www.junaamiko.inf.hu*

**De junio ĉiu kviz-ludanto, kiu varbas novan ludonton ricevas por ĉiu varbito 3 plusajn poentojn tuj, kiam alvenas la solvo de la varbito.** (Kun via solvo nepre sendu la nomon de la varbito!)

***Ekagu, vi ambaŭ: varbinto kaj varbito gajnos!***

# humuro

el la kolekto de *Elizabeta RAJTMÁR*



*– Panjo, ĉu vi scias, ke en la lernejo ni lernas ankaŭ kuiri?*
*– Kaj ĉu estas al vi permesate manĝi, kion vi kuiris?*
*– Jes ja, estas eĉ devige manĝi ĝin.*

*




## Poreterne

Dum geedziĝa ceremonio emociiĝinte la gefianĉoj staras antaŭ la pastro. La bele vestita nupta festantaro atendas la finon de la ceremonio, kiam ne-atendite la estonta edzo kun timo ekkrias:

– Kion vi diris, pastra moŝto? Ĝis kiam?!

| N-ro 3 | 15-a KONKURSO-JARO | Lim-dato: 1.XI.2004 |
|---|---|---|

| | | |
|---|---|---|
| 1 | Korektu la erarojn: *Kun granda bojo mi kaj siaj amikoj vojaris al la maro, kiu ni basigis beran semajnon en botelo.* | 3 poentoj |
| 2 | Kompletigu la proverbon: *Amu domon novan ...* | 3 poentoj |
| 3 | Kiuj prepozicioj mankas? *Jen glaso plena ... akvo. Dankon ... via helpo. Ŝi trinkas teon ... sukero.* | 3 poentoj |
| 4 | De *marko* venu al *barbo* en du paŝoj. | 2 poentoj |
| 5 | Trovu almenaŭ po du sinonimojn: *ami, lando, serena, malsaĝa* | 4 poentoj |
| 6 | Kie okazis la ĉi-jaraj Olimpiaj Ludoj? Kiomaj ili estis? Kiu lando akiris plej multe da oraj medaloj? | 3 poentoj |
| 7 | Nomu almenaŭ tri Esperantajn fakajn asociojn. | 3 poentoj |
| 8 | Faru almenaŭ ok vortojn (sen finaĵo-ŝanĝo) per la radiko *mar-*. | 4 poentoj |
| 9 | Kiel ni povus pruvi, ke Esperanto estas vere moderna lingvo por komunikado? Priskribu mallonge la farendojn. | 3 poentoj |
| 10 | Listigu almenaŭ du Esperantajn bibliotekojn kun pli ol 5000 eldonaĵoj. | 2 poentoj |

La solvojn sendu al *Marija Belošević, Sveti duh 130, HR-10000 Zagreb, Kroatio*
Retadreso: *<marija.belosevic@public.srce.hr>*

***Ne restu la solvo ĉe vi sur papero, ⇧ sendu ĝin tuj al nia supra adreso!***

## SOLVOJ de n-ro 2/04 (p.17)

**1**. miro, m**a**ro, m**u**ro, m**o**ro **2**. (**mal**)junulo, -**in**o, -**ar**o, -**ig**i, -**iĝ**i, -**ej**o, -**ec**o, **ge**(mal)junuloj, (**mal**)jun**eg**a, -**et**a **3**. en 776 a.K.; Olimpio; atletiko, bokso, luktado, ĉar-konkurso **4**. Kara amiko, bonvolu korekti miajn erarojn. **5**. kuri, lavi **6**. salti en akvon; jur-decido; frap-frazo; malmola **7**. Mi petis ŝin promenigi mian hundon kun la sia. **8**. estrarano, ilarejo, fiulino, diserigi, reariĝi, malebligi, malindulo, eksiginda* **9**. Finnlando, Japanio, Francio **10**.Lidia Zamenhof, ŝi estis mortigita en 1942.

** Ekzistas pluraj ĝustaj solvoj.*

### La plej lertaj solvintoj de la junia numero

***Kategorio B***
1. Pušić, Rafaela; HR 27,5 p.
2. Biondić, Laura; HR 26,5 p.
   Grigore, Ivan; RO 26,5 p.

***Kategorio M***
1. Hawlwna, Krystyna; PL 29 p.
2. Nagy, Alberto; RO 28 p.

***Kategorio S***
1. Molnár, Maria; HU 28 p.
   Efremova, Lenče; MK 28 p.
2. Popoviciu, Ekaterina; RO 26 p.

***Grupoj***
1. Suduva/Marijampole; LT 30 p.
2. Ursourbo/Zagrebo; HR 27,5 p.

NIA KULTURA HEREDAĴO

*En tiu ĉi rubriko vi trovas bildojn el la Esperanta literatura heredaĵo dank' al la plumo de nia fidela amiko, elstara islanda poeto, Baldur RAGNARSSON. Konsciu, ke sen bazaj scioj pri nia historio kaj literaturo oni ne povas fariĝi cel-konscia esperantisto, sukcesa pledanto por nia nobla ideo. (Red.)*

## 22 *Marjorie BOULTON*

# BILDOJ EL LA HISTORIO

*Mi estas tri. La digna lektorino*
*kun krajon' kritika libron legas.*
*En nigra robo, pri la origino*
*de l' dramo primiti-*
*va ŝi prelegas.*

*Dume, en koro,*
*primitiva dramo*
*okazas, ĉiam freŝa*
*kaj terura;*
*sub nigra robo bru-*
*las nun pro amo*
*virino simpla en dezir' tortura.*

*La lektorino pensas. La virino*
*baraktas, krias, nur angoron sentas.*
*Sed la Poet', per arta disciplino,*
*observas ilin ambaŭ, kaj komentas.*

Antaŭ kvin jar-dekoj aperis libro de poemoj, kiu enkondukis novan tonon en la Esperantan literaturon, tonon pli intense personan, pli rekte intiman ol ĝis tiam aŭdiĝis en serioza poezio en nia lingvo. La poeto estis 31-jara angla virino, jam verkinto de poemlibroj en la angla lingvo, diplomito pri literaturo ĉe la fama Oksforda Universitato, tiam lektoro pri la angla en virina kolegio kaj ĝia vicestro. Ŝia nomo estis *Marjorie Boulton.*

Tiu poemlibro, *Kontralte,* estas eksterordinara en diversaj sencoj. Ĝi estas nekutime ampleksa, 273 paĝoj. Ĝi estis plejparte verkata en nur unu jaro, 1953, nur kvar jarojn post la esperantistiĝo de la poetino. Ĝia lingva esprimado estas rekta kaj senpretenda, sed sam-tempe mature plena kaj sencoriĉa. Kaj antaŭ ĉio: Neniam tiel abunde pruviĝis la liberiga potenco de Esperanto en persona esprimado, kiel en tiu ĉi unua libro de la angla poetino.

Ĉi tiu aserto bezonas komenton. Esperanto ne tiom dependas de lingvaj kutimoj kaj kliŝoj kiel la naciaj lingvoj. Kaj ne nur tio: kiel transnacia lingvo ĝi ankaŭ ebligas liberiĝon el tiuj nevideblaj katenoj, kiuj pli-malpli ĉiam akompanas la medion de la naciaj lingvoj. El tio sekvas, ke serioza

povas senti sin pli libera kaj pli sekura por esprimi siajn plej intimajn sentojn kaj pensojn per la Esperanta vorto. Kaj precize tian impreson oni havas legante multajn el la poemoj de Marjorie Boulton.

En *Kontralte* Esperanto fariĝis esprimilo, kiu liberigis la emociojn de la poetino serve al plej fidinda prezento de ŝia personeco. En ĝia enkonduka poemo, presita supre, titolita *La Triopa Memo*, ŝi prezentas sin mem, la tri esencojn de sia personeco: la intelektan, la emocian kaj artan. Kvankam tiel tri-dividita, ĉiuj tri ŝiaj "memoj" neniam estas strikte limigitaj en ŝia abunda verkaro, iliaj reciprokaj influoj estas ĉiam konstateblaj. Ŝia vortarto esprimas sentojn samtempe personajn kaj komun-homajn. Tio estas tuj konstatebla en la unua sekcio de *Kontralte*, kiu konsistas el 28 sonetoj pri la spertoj de la poetino kiel lektorino kaj vicestro de virina kolegio. En la arta vers-formo de la sonetoj ŝi priskribas ne nur siajn proprajn sentojn kaj pensojn sed ankaŭ tiujn de la junulinoj, kiel ŝi partoprenas iliajn zorgojn, kritikas iliajn eseajn taskojn, aplikas siajn aŭtoritatajn devojn. Ĉiam oni perceptas ŝian profundan kunsentemon kaj deziron helpi kaj subteni la junajn animojn. Ĉu io komparebla estas trovebla en iu nacilingva literaturo, mi ne scias, sed mi emas kredi, ke tia profunda kaj arta raporto pri la vivo de instruisto en rilatoj kun siaj lernantoj estas io unika.

Sama varm-kora sin-teno, esence virineca konstateblas ankaŭ abunde en la dua poemlibro de la poetino, titolita *Eroj* (1959), kiu estas eĉ pli ampleksa ol la unua (349 paĝoj). Marjorie Boulton havas ja vaste malfermitan fenestron al la mondo, kie akraj observoj iras man-en-mane kun varma humaneca kunsentemo. Ŝia temaro estas vasta, ŝia kreo-povo mult-dimensia, subjektiveco kaj objektiveco bele ekvilibras.

Marjorie Boulton naskiĝis en 1924. En universitato ŝi studis anglan lingvon kaj literaturon kaj doktoriĝis en 1976. Dum multaj jaroj ŝi okupis sin pri instruado, laste kiel direktorino de kolegio por instruistoj. Ŝi forlasis la instruistan profesion en 1970 kaj post tiam ŝi plene okupis sin pri verkado, literatura esplorado, prelegado, eduka laboro por Esperanto.

Neniel eblas inde priskribi la verkistan karieron de Marjorie Boulton en mallonga artikolo. Ŝiaj grandaj poeziaj libroj tie okupas plej altan lokon, sed ŝi verkis abunde ankaŭ novelojn, teatraĵojn kaj eseojn. Ŝi verkis gravan angla-lingvan biografion de Zamenhof, kies Esperanta versio aperis en 1962. Ŝi multe okupis sin pri instruado de Esperanto, ŝia progresiga legolibro *Faktoj kaj Fantazioj* (1984) estas eksterordinara trezoro de variaj legaĵoj taŭgaj por pligrandigi la vorto-stokon kaj mond-rigardon de la leganto.

Marjorie Boulton estas unu el la plej produktivaj kaj ŝatataj verkistoj en la internacia lingvo. Ŝiajn literaturajn verkojn ecigas subtila arto, sincero kaj humanismo. Kaj per siaj edukaj verkoj ŝi scias instrui per idea riĉo kaj amuzi per ĉiam ĉeesta humoro.

*Lev Tolstoj*

# MALJUNA AVO KAJ LIA NEPO

La avo tre maljuniĝis. La piedoj ne povis iri, la okuloj vidi, la oreloj aŭdi. Li jam perdis ĉiujn dentojn. Foj-foje okazis, ke la manĝaĵo elfluis el la buŝo. La filo kaj la bo-filino ne plu sidigis lin al la tablo, sed donis al li manĝaĵon malantaŭ la bakforno.

En iu tago la avo ricevis sian tagmanĝon en taso. Li volis ĝin tiri al si, sed faligis kaj rompis la tason.

La bofilino riproĉis lin, dirante ke li difektas ĉion en la domo kaj rompas la tasojn. Ŝi diris, ke de nun ŝi ricevos manĝaĵon en ligno-telero. La maljunulo ĝem-spiris, sed diris eĉ ne unu vorton.

Foje la geedzoj estis hejme kaj vidis la fileton ludi sur la planko per ligno-pecetoj. Videble li volis fari ion el ili.

La patro demandis: "Kion vi faras, Miĉjo?"

La infaneto respondis:

"Lignotelerojn, paĉjo. Kiam vi kaj panjo maljuniĝos, en ili mi donos al vi manĝi."

La geedzoj rigardis unu al la alia, ekploris, hontis kaj komprenis, ke ili ofendis la avon. Poste ili ĉiam sidigis lin al la tablo kaj afable zorgis pri li.



Tradukis: *Elizabeta* RAJTMÁR

# LINGVA DOKTORO

**H**

## Riĉigu vian vort-provizon!

*Ĉu vi scias, kio sia-tempe kaptis min plej-pleje en Esperanto?*

La mirakla vort-fara sistemo, dank' al kiu lerninte unu vort-radikon, oni povas krei el ĝi 15-20, kaj eĉ pli da novaj vortoj, kaj oni povas esti certa, ke ili ĉiuj estas ĝustaj (ne kiel en etnaj lingvoj!). La reguleco de la afiksoj *(mal-, re-, -ar, -ul, -aĉ ...)* en Esperanto ĉiam estas fidinda.

Ne malpli interesa estas la kunmetado de vortoj. Ĉu vi aŭdis ke, kun la tempo, kelkaj vortradikoj fariĝis prefiksoj? Unu el la plej konataj el ili estas *ĉef-* (ĉefurbo, ĉefkuracisto, ĉefartikolo, ĉefstrato...). Nun mi prezentas al vi alian miraklan vortradikon, kiu ankaŭ fariĝis prefikso.




Kiom da vortoj vi povas krei per *kaŝ-* helpe de afiksoj? Ne tre multe. Jen kelkaj ekzemploj: *kaŝejo* (La polico trovis lian kaŝejon), *kaŝisto* (Ne ŝtelus ŝtelistoj, se ne estus ŝtelaĵokaŝistoj.), *kaŝiĝi* (Li kaŝiĝis en la arbaro), *malkaŝi* (La tempo ĉiam malkaŝas la veron), *(ne)kaŝebla* (Ŝia ĝojo estis nekaŝebla), *kaŝema* (Li ne parolas rekte, li estas tre kaŝema) kaj ankoraŭ kelkaj aliaj.

Sed prefikse *kaŝ-* fariĝis multe pli produktiva. Kiel prefikso ĝi havas du sencojn: *a) "agi nevidate, ne rimarkate"* aŭ *b) "agi ne-leĝe"*. Mi prezentas al vi nur dek-kelkajn ekzemplojn. Atentu ilin kaj provu krei almenaŭ 20 novajn ekzemplojn. Se vi sendos ilin (rete aŭ papere) al la redaktoro, vi ricevos premion.

*Dum du semajnoj kaŝpolicistoj kaŝobservis lin.*

*Kaŝkomercistoj kaŝaĉetas aŭ ŝtelas varojn kaj kaŝvendas ilin al malriĉuloj.*

*Zamenhof aperigis sian lingvo-projekton en 1887 sub kaŝnomo: d-ro Esperanto.*

*La instruisto ne akceptis lian teston, ĉar li uzis kaŝhelpilon.*

*Venu, diris ebiulo, ni kaŝdrinku. Mi havas kaŝmonon.*

*Hieraŭ tiuj fiuloj kaŝatakis nin de malantaŭe.*

*Kaŝĉasistoj paf-mortigis pli ol mil protektatajn birdojn.*

*Ĉu vi trovis la kaŝfrazon de la enigmo?*

*Dum lecionoj de fiziko li ofte kaŝlegas librojn.*

*Sub la tero kaŝvojo kondukis al la vilaĝo el tiu ĉi fortikaĵo.*

*Nur kelkaj revoluciuloj aperis en la kaŝkunveno.*

*La fileto kaŝmanĝis la torto-pecon rezervitan por la gasto.*

*Ĉu vi ŝatas kaŝludi?*

✧✧✧✧✧✧

Daŭrigu! Restis ankoraŭ multaj radikoj, kiuj povas alpreni prefikse la vorteton *kaŝ-*. Krom *ĉef-* kaj *kaŝ-* ekzistas ankaŭ aliaj prefikse uzataj vortoj kiel ekzemple: *jun-* (junedzino), *vic-* (vicprezidanto) kaj *grand-* (grandverko) k.a. Se vi havas emon provu kolekti vortojn ankaŭ per ili.

*Geza Kurucz, Hungario*

*doktoro:* kuracisto, ekzemple / *etno:* sam-devena hom-grupo / *mirakla:* apenaŭ kredebla.

# VERDA PAĜO

**FAKTOJ KAJ ARGUMENTOJ PRI ESPERANTO**

*Tiu ĉi rubriko servas niajn novulojn. Oni ofte metas al ni demandojn, kiujn – pro manko de sufiĉaj spertoj – estas malfacile respondi, konvinke rebati. Ĉi tie ni deziras liveri utilajn faktojn kaj argumentojn.*

## Esperanto estas kultur-lingvo

***Sci-volulo**:* Saluton, kara ĉef-komputila Moŝto! Pardonu pro la ĝeno!

***Ĉef-komputila moŝto**:* Saluton. Vi aspektas nervoza. Kio maltrankviligas vin?

***S**:* Prezentu al vi: iu ĉef-partiestro deklaris, ke Esperanto ne povos esti kandidato en la komunikado de Eŭropa Unio (EU), ĉar ĝi ne estas kultur-lingvo.

***Ĉ**:* Kial li opinias tion?

***S**:* Pri tio li ne parolis. Li simple deklaris tion kiel senduban fakton. Li nenion diris pri siaj argumentoj.

***Ĉ**:* Ĉu li konas Esperanton?

***S**:* Tut-certe ne. Kiuj eklernis ĝin, tiuj ne parolas tiel kategorie, senhezite.

***Ĉ**:* Bonega rimarko. Gratulon! Vi pravas. Tiaj kategoriaj deklaroj venas plej ofte de stultuloj. Kondamni sen koni ion, estas rifuzenda stultaĵo.

***S**:* Sed tio ne estas hazardo. Pluraj miloj da "instruituloj" opinias tion.

***Ĉ**:* Ĉu vi ne rimarkis, ke dum la historio de la homaro oni decidis ne per argumentoj, sed preskaŭ ĉiam diktis demagogoj, kiuj celis la instinktojn. Nur tre malrapide, paŝon post paŝo la racio akiras por si terenon en la mondo.

***S**:* Sed bonvolu ne eviti la respondon. Kion diri kontraŭ la kalumnio?

***Ĉ**:* La veron sen masko. Esperanto prenis ĉiujn siajn elementojn el la kulturo de la homaro kaj precipe de Eŭropo, kie vivas la menciita ĉefpartiano. La ideo, kiu kreis la lingvon, hodiaŭ estas pli aktuala ol kiam ĝi aperis en 1887. Sen ajna financa helpo de grand-potenculoj la lingvo ekzistas, vivas ĉie en la tuta mondo.

***S**:* Mi aŭdis, ke Esperantujo estas la plej kulturita lando, kie ĉiu parolas minimume du lingvojn.

***Ĉ**:* Sprita konstato. Sed tiu partiestro certe volis aludi pri manko de belliteraturo. Li ne konscias pri sia eraro. Esperanto havas ja riĉan literaturon tradukitan kaj originalan, havas elstarajn poetojn, verkistojn, malgraŭ ke ĝi havas post si nur 117 jarojn. Esperanto progresas kaj hodiaŭ ĝi estas vera kulturlingvo.

***Esperanto estas produkto de la tutmonda kulturo***

*argumento:* pruvaĵo / *demagogo:* flat-politikisto / *kalumnii:* disfamigi pri iu malveron / *nervoza:* ekscitita / *stulta:* malsaĝa / *tereno:* agad-kampo.

## Solvoj de "Kontrolu vian lingvoscion!" (p. 13)

*En krampoj la unua nombro indikas la paĝon, la dua – la linion*

**1.b** (56/3a de malsupre); **2.a** (56/15a); **3.b** (57/15a); **4.c** (79/6a de malsupre); **5.a** (48/15a); **6.a** (56/4a); **7.b** (47/4a); **8.c** (34/lasta); **9.a** (79/4a); **10.c** (45/16a).

Se vi havas 10 ĝis 8 ĝustajn solvojn, vi estas *eminente bona*, vi vere kompetentas. Ĉe 7 ĝis 5 vi estas *bona*, vi scias eĉ ne ĉiu-tagajn vortojn! Gratulon!

## VENDE (n-ro 2/04, p.6) *Gajni ĉe Hajni!*

**1) 1.** A : 13 / **2.** B : 4 / **3.** Ĉ : 8 / **4.** C : 21 = **46** **2)** Esperanto estas bona lingvo. **3)** SO **4)** 13 16 4 **5)** x kilogramojn.

## 5 kvadratoj (n-ro 2/04, p. 10)

**A:** 1. piro; 2. Iran'; 3. raŭk'; 4. onkl'
**C:** 1. lago; 2. azil'; 3. gine; 4. oleo
**D:** 1. oazo; 2. amik'; 3. zipo; 4. okon'
**B:** 1. kato/rato; 2. amis; 3. tial/tiel; 4. Oslo
**Ĉ:** 1. aglo; 2. glor'; 3. lord'; 4. ordo

### *Abon-tarifoj de Juna Amiko por la jaro 2004*

| | EUR | 2–4 ekz. | Ekde 5 ekz. | Prioritate |
|---|---|---|---|---|
| Tarifo 1 | 12 | po 9 | po 7 | +30 % |
| Tarifo 2 | 7 | po 6 | po 5 | +30 % |
| Hungario | 800 HUF | 650 HUF | 500 HUF | — |


# juna amiko

**Internacia Esperanto-revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj**
31a jaro, n-ro 3(110), 2004
**Aperas 4 fojojn jare**
**Redaktoro:** ***Géza Kurucz*** **(Hitel u.10.fszt.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario)**
**Retadreso: suli267@szeged.sulinet.hu**
**Vicredaktoro:** ***StefanMacGill*** **(retadreso: stefan.macgill@galamb.net)**
**Administranto:** *Stefan MacGill*, Pannónia u. 30.I.6, HU-1136 Budapest, Hungario
Retadreso: **juna.amiko.adm@posta.net**
**Eldonanto: ILEI, Riouwstr. 172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando**
Lingva revizianto: *Baldur Ragnarsson* (Islando)
**Kunlaborantoj:** ***s-ino Saliko, Anja Karkiainen, Vesa Pölkki*** (Finnlando), ***Baldur Ragnarsson*** (Islando), ***Tatjana Auderskaja*** (Ukrainio), ***s-ino Jennifer Bishop*** (Aŭstralio), ***Zoran Čirić, Jadranka Mirić*** (Serbio), ***s-ino Saranath*** (Hindio), ***Gennadij Basov*** (Rusio), ***Bardhyl Selimi Mezini*** (Albanio), ***Till Dahlenburg, Dieter Berndt*** (Germanio), ***Evandro de Freitas*** (Brazilo), ***Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz, Monika Molnár*** (Hungario), ***Marija Belošević*** (Kroatio), ***Michel Nkwirikiye*** (Tanzanio), ***Eugenia-Ecaterina Popoviciu*** (Rumanio), ***Mensah B.Attiogbe-Agbemadon*** (Togolando), ***José J.Campos Pacheco*** (Kubo), ***Jasuo Hori*** (Japanio), ***Gian Piero Savio*** (Israelo)
**Grafikistoj:** ***Irina Nagy*** (Rumanio), ***Pavel Rak*** (Ĉeĥio), ***Monika Molnár*** (Hungario)
**Komputila kolora tekniko:** ***János Bakk*** (Hungario)
**Farita en Presejo Saluton**
**Gárdi Jenő u. 14, H-1047 BUDAPEST, Hungario**

**ISSN 0230 1318**


En la klasĉambro
bibliotekisto
geografia karto
ilustra tabelo
libroj
kalendaro
klas-
tabulo
libro
ŝran-
keto
vesthoko
terglobo
leksikono
paper-
korbo
lum-tabulo
lernotablo
lernanto
kajero
lerno-
teko
instruisto
klaslibro
seĝo
El kiom da geknaboj konsistas la klaso?
Priskribu la klasĉambron kaj la gelernantojn. Kion ili faras?
Prezentu vian klasĉambron. Rakontu pri viaj klas-amikoj kaj instruistoj.
En kioma etaĝo troviĝas via klasĉambro?
Ĉu la instruistejo estas malproksime de vi?
3/04